„Mutig vorwärts!“ „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio S 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. S 2.35, 1/4 j. S 1.20), aliaj landoj sv. fr. 3.75; ponumere 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. **Redakcio kaj administracio**: Wien I. Neue Burg (Tel. R27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826.

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

N-ro 7 (122 en la vico). Wien, la 5. de julio 1935. 12. jaro





Federacia Prezidanto de Aŭstrio s-ro Wilhelm Miklas, Alta Protektoro de Intern. Esp.-Muzeo kaj Intern. Konferenco „Esp. en la lernejon kaj trafikon“ dediĉis sian bildon al ĉi tiu numero kaj per tio al la tutmonda esperantistaro.

Wilhelm Miklas

22.6.35



Federacia Kanceliero
D-ro Kurt von Schuschnigg

Ein Willkommgruss.

Der Esperanto-Welt-Kongress,der in der Zeit vom 8.-15.August 1936 in Wien zusammentritt,wird voraussichtlich zahlreiche fremde Gäste in der Bundeshauptstadt unseres Landes vereinen. Die erfolgreichen Bestrebungen,im Wege des Esperanto neue Verbindungen zwischenstaatlicher Natur zu schaffen,sind das Ergebnis einer zähen und zielbewussten Arbeitsleistung. Dass die Anhänger des Esperanto Wien als Sitz ihrer nächstjährigen Tagungen gewählt haben,wird in Oesterreich mit aufrichtiger Genugtuung begrüsst und ich glaube versichern zu können ,dass das geistige Oesterreich Ihren Beratungen und deren Ergebnissen aufrichtiges und wahres Interesse entgegenbringen wird. Wenn darüber hinaus unsere Gäste unser schönes Heimatland und seine Bewohner näher kennen lernen, so dienen solche Bekanntschaften der Schaffung höherer geistiger Einheiten, die heute mehr denn je als wertvolle Hilfe im Kampfe um den Frieden und Wiederaufbau zu werten sind.

25.Juni 1935.

LE MINISTRE FÉDÉRAL
DES AFFAIRES ÉTRANGÈRES

Salutinda preparlaboro.

La Prepara Komitato por la 28-a Esperanto-Mondkongreso en salutinda maniero jam nun komencis certigi ĉiujn kondiĉojn por ĝisfunda sukceso de tiu ĉi grava aranĝo. La esperantistoj povas esti konvinkitaj, ke la tuta Aŭstria publiko montros la plej grandan komprenon al iliaj celadoj, kiuj ankaŭ meritas specialan atenton el la vidpunkto de la ekstera politiko. Tut-Aŭstrio sekvos la konferencojn de tiu ĉi kongreso kun vera, kora intereso kaj deziras plenan sukceson!

Bonvenon en Aŭstrio!

Berger



Ministro por Eksteraj Aferoj
Barono Egon Berger-Waldenegg

Ministro per Komerco kaj Trafiko Fritz Stockinger:

La celadojn de la Esperanto-movado, krei per ĉi tiu lingvo rimedon por akcelado de la kultura kaj ekonomia rilatoj inter la popoloj, mi ĉiam provis helpi laŭ miaj fortoj. Des pli mi ĝojas, ke sukcesis, okazigi la XXVIII- an Universalan Kongreson de Esperanto en Aŭstrio, dum kiu ni povos montri al la adeptoj de ĉi tiu movado, kiuj venos el tutmondo al ni, la belaĵojn kaj monumentojn de Aŭstrio. Ni ankaŭ esperas gajni la esperantistojn, venintajn al Aŭstrio, kiel "Heroldojn" en la servo de varbado por nia lando.

En tiu ĉi senco mi salutas ĉiujn partoprenontojn de la okazonta kongreso plej kore per la internacie jam fama vorto: "Aŭstrio vin invitas!"

Stockinger



Ŝtatsekretario por Instruado d-ro Hans Pernter:

Kiel gvidanto de Federacia Ministerio por Instruado, destinita subtenadi ĉiujn klerigajn celadojn, mi salutas jam hodiaŭ kun ĝojo la 28-an Universalan Kongreson de Esperanto, okazontan en Aŭgusto 1936 en Wien. En nia patrujo Aŭstrio kunvenos, kiel mi esperas, multnombraj viroj kaj virinoj por akceli komprenilon, destinitan kontribui al reciproka ekkono kaj per tio al reciproka estimo kaj ŝato de la popoloj.

Mi deziras jam nun al la Kongreso la plej bonan progreson kaj prosperon kaj esperas, ke la delegitoj de l' Kongreso kunprenos kun si la plej bonajn impreson pri la riĉaj trezoroj de arto kaj kulturo en Wien kaj Aŭstrio kaj portos ankaŭ al sia hejmlando la ŝaton de Aŭstria kulturo per la popolojn interliganta rimedo de l' tutmonda helplingvo Esperanto.

26.Juni 1935.

Dr H. Pernter



Princino Fanny Starhemberg, Aŭstria delegitino ĉe Ligo de Nacioj:

Estante gvidantino de l' virina referato ĉe Patrolanda Fronto mi salutas jam hodiaŭ plej kore ĉiujn virinojn, kiuj partoprenos en la Esperanto-Mondkongreso en Wien 1936 kaj mi esprimas mian sinceran ĝojon, ke la urbo Wien kaj nia bella hejmlando Aŭstrio havos la honoron akcepti tiel multajn gastojn el diversaj regionoj de l' mondo. Des pli forte mi ĝojas car en la kadro de ĉi tiu Kongreso okazos solena internacia kunveno de virinoj, en kiu ili preparolos sian rolon en la kunvivado de la popoloj.

Fanny Starhemberg



# AŬSTRIA REGISTARO invitas

al la XXVIII-a Universala Kongreso de Esperanto en

WIEN.

Estis memorinda la momento, kiam dum nia XXVI-a en Stockholm leviĝis la registara reprezentanto de Aŭstrio ambasadoro barono Sommaruga kaj transdonis en Esperanto oficiale la koran inviton de l' aŭstria registaro al la Universala Kongreso, aranĝi la XXVIII-an Universalan Kongreson de Esperanto en 1936 sur tero aŭstria, en Wien, la ĉarma metropolo ĉe Danubo.

La tondra aplaŭdego kaj aklamo de l' tuta kongresanaro, sekvintaj lian invit-paroladon, klare pruvis la ĝojan konsenton de la kunvenintoj al tiu invito, la sinceran simpation al la invitanta lando kaj la firman esperon, ke la registaro de Aŭstrio, pri kies favora sinteno al nia movado la lastaj jaroj donis sennombrajn pruvojn, vere grandskale donacos sian moralan kaj materian apogon, por aranĝi laŭeble brilan kaj imponan Feston kaj Manifestacion de vivanta Esperantismo!

Kaj vere la tutmonda esperantistaro ne eraris en tiu rilato: por certigi jam en la komenco la financan bazon de la necesaj preparaj laboroj, same la registaro de Aŭstrio kiel la urbestraro de Wien asignis al la kaso de Loka Kongresa Komitato subvencion: da 7500 aŭstriaj ŝilingoj. Tiuj du altaj subvencioj, donitaj tuj ĉe la ekkomenco de la preparoj, pli ol io alia klare montras la sinceran bonvolon de l' gastigontaj instancoj.

Salzburg kun Katedralo kaj supre Fortikaĵo Hohensalzburg



Kastelo Hellbrunn ĉe Salzburg: Akvo-artaĵoj



St. Gilgen ĉe Wolfgang-lago (Salzburg-a parto de Salzkammergut)


En 100.000 ekzempleroj disvendiĝis
lernlibroj kaj vortaroj de d-ro E. Pfeffer.

| | |
|---|---|
| Zamenhofaj kongresparoladoj | aŭ. ŝ. 2.08 |
| Humor' de l' mondo | „ „ 1.04 |
| Fabeloj de l' Oriento | „ „ 1.04 |
| Unua Legolibro | „ „ —.52 |
| Vortaro Esp.-Germana | „ „ —.52 |
| Vortaro Germana-Esp. | „ „ 2.08 |

Tagblatt-Bibliothek, Wien, I., Wollzeile 20. Aŭstrio.


*

Ĉu ne signifus verdire kvazaŭ porti akvon al Danubo, se ni entreprenus ĉi-loke laŭde priskribadi Wien, la urbon de nia XXVIII-a? Ĉu tio ne estus sencela, tute superflua peno? Ĉu la vortoj „ĉarmo“ kaj „Wien“ ne estas gefratoj? Ĉu la famo de Wien ne estas jam tiom enradikiĝinta en la tuta mondo per la kulturo de ĝia bongusto, de ĝiaj virinoj, per la beleco de la ĉirkaŭaĵo, per ĝiaj manufakturo, konfekcio, kuirarto kaj tiel plu, ke sufiĉas sole diri la vorteton „Wien“, por tente alvoki en la memoron ĉiujn ĉi allogojn kaj ankoraŭ multajn aliajn? Ni entreprenos tiun taskon en la sekvantaj preskolonoj de Aŭstria Esperantisto en nia tuta modesteco, bone konsciante, ke neniaj vortoj povas esti sufiĉe elokventaj, por Wien digne prikanti aŭ nur laŭdi sufiĉe. Venu, vidu kaj ĝuu la tutan, vorte ne esprimeblan ĉarmon de Wien!

*

La registaro donis kiel kongresejon, kion ĝi havas plej karan kaj belan: la tuta „Burg“, la iama Imperiestra Kastelo kun sia longa vico da pompaj salonegoj, kun sia belega Burgĝardeno por promenado kaj ripozo, fariĝos dum tuta semajno bolanta centro kaj rendevuejo de l' tutmonda esperantistaro! Neniam ankoraŭ en la historio de niaj kongresoj ni havis tian imponan kaj grandiozan kadron!

*

Ankoraŭ unu specialan flankon, eble epokfarantan por la estontaj kongresoj, havos nia XXVIII-a: tio estas la nova aranĝo de Somera Universitato. La efektivigo de la bonega ideo, en ĝi enestanta, suferis en ĝisnunaj kongresoj parte pro la diseco kaj hazardeco de la temoj kaj sekvanta el tio ne sufiĉa atento kaj interesiĝo flanke de la tuta kongresanaro por la apartaj temoj. La Somera Universitato de la Viena Kongreso portos specialan karakteron: ĝi estos kvazaŭ Internacia **per**-esperanta Fakkonferenco en la kadro de l' internacia **por**-esperanta Manifestacio! La prelegoj kaj paroladoj grupiĝos ĉirkaŭ unu komuna, por Aŭstrio kaj ĉiuj ĝiaj pli kaj malpli proksimaj najbarŝtatoj plej grava kaj aktuala temo:

## „Kulturaj kaj ekonomiaj problemoj de Mez-Eŭropo“.

La parolantoj parolos aŭ **en Esperanto** aŭ **en sia nacia lingvo,** kun sekvanta **Esperanta traduko;** do Esperanto funkcios kiel **sola traduklingvo!**

Por tiu ĉi Somera Universitato la diversaj registaroj estos invitataj (eble eĉ oficiale per la aŭstria registaro, kiu mem en ĝi partoprenos) kaj delegos kredeble siajn reprezentantojn jam pro la aktualeco de la temo kaj pro la fakto, ke iliaj delegitoj povos paroli **la unuan fojon en la historio ĉiu en sia gepatra lingvo al plurmila elita aŭskultantaro el pli ol 40 nacioj.**

Tiu unika aplikado de Esperanto en la interpopola publika vivo certe instigos la registarojn laŭ faritaj spertoj al pli granda apogo de Esperanto kaj ties ĝenerala enkonduko en la lernejojn. Sed krome ankaŭ partoprenos kompreneble diverslandaj eminentuloj, ĉu esperantistoj aŭ ne, en Somera Universitato!

Krom tiu novaranĝo de Somera Universitato okazos ankaŭ, kunvokite de la „Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj“.

## Internacia Konferenco de la Virinoj

kun la programo:

„La **virino en la kultura kaj ekonomia vivo**“, pri kio ni parolas pli detale sur alia loko de tiu ĉi numero.

*

El la granda amuza parto jen nur kelkaj ĉefaj:

1. Vojaĝo „Tra Aŭstrio“, sub la aŭspicioj de UEA (vidu apartan artikolon!)
2. Teatra prezentado de la tutmonde fama opereto **„La blanka Ĉevaleto“**, kiu donos al vi aŭstriajn muzikon, scenejon kaj ideon pri la sentimenteco de l' aŭstria popolo, kun aktoraro de 100 personoj.
3. Grandioza Balfesto sub la titolo **„La Kongreso dancas“** kun kostumkonkurso en ĉiuj festsalonegoj de Imperiestra Kastelo.

Jen en ĝeneralaj konturoj skizita plano de la venonta Viena Kongreso. La aŭstria esperantistaro kaj Loka Kongresa Komitato plej kore invitas al partopreno la tutmondan samideanaron, donante la absolutan certigon, ke ni uzos la apogon de nia registaro, la favoron de ĉiuj kompetentaj instancoj, la fervoron kaj sperton de ĉiuj kunlaborantoj por plej digne prepari nian venontan Esperantofeston kaj ke ni faros ĉion eblan, por ke ĝi enskribu sin per oraj literoj en la memoron de ĉiuj partoprenontoj kaj en la paĝojn de nia historio!

**Loka Kongresa Komitato.**

## Honora Komitato:

Prezido: Federacia Kanceliero *d-ro Kurt von Schuschnigg*

Membroj:

Ministro por Financoj, ekskanceliero *d-ro Karl Buresch*
Ministro por Eksteraj Aferoj *barono Egon Berger-Waldenegg*
Ministro por Komerco kaj Trafiko *Fritz Stockinger*
Ministro kaj Ĝenerala Ŝtatkomisaro, eksvickanceliero *Emil Fey*
Ministro por Terkulturo kaj Forst-ekspluato *Josef Reither*
Ŝtatsekretario por Instruado *d-ro Hans Pernter*
Ŝtatsekretario por Justeco *barono d-ro Karl Karwinsky*
Ŝtatsekretario por Landa Defendo Generalo de Infanterio *Wilhelm Zehner*
Ŝtatsekretario por Sekureco *barono Hans Hammerstein-Equord*
Urbestro de Wien, eksvickanceliero *Richard Schmitz*
Landestro de Karintio marŝal-leŭtenanto *barono Hülgerth*
Landestro de Malsupra Aŭstrio *Eduard von Baar-Baarenfels*
Landestro de Stirio *d-ro Karl Maria Stepan*
Rektoro de „Altlernejo por Mondkomerco“ *Prof. Franz Dörfel*
*Princino Fanny Starhemberg,* delegitino ĉe Ligo de Nacioj

## Loka Kongresa Komitato:

Prezidanto kaj afergvidanto: Kortega konsilano *Hugo Steiner*
Vicprezidanto: Sekcia ĉefo *d-ro Franz Uebelhör*
Kasisto: Advokato *d-ro Alfred Engländer*
Gazetservo: Konsulento *d-ro Franz Zehden,* gazetarĉefo de la Ministerio por Komerco kaj Trafiko
Sekretario: *D-ro Emil Pfeffer*
Membroj: Redaktoro *barono Nikolaus Hovorka*
*Ernst Werner*



Emblemo »Blanka Ĉevaleto« ĉe samnoma gastejo en St. Wolfgang, pri kiu temas nia teatraĵo.



Hallstadt ĉe samnoma lago, Salzkammergut (Supra Aŭstrio).



Linz, ĉefurbo de Supra Aŭstrio.

# XXVIII-a Universala Kongreso de Esperanto.

**Wien (Aŭstrio), 8.—15. de aŭgusto 1936.**

Leteradreso: Wien, I., Neue Burg. — **Telegramadreso:** Esperanto Wien. — **Telefonnumero:** R 27-803.

Pagoj al aŭstria poŝtĉeka konto „Univ. Kongreso de Esperanto" Konto A 158.950/2708.

Urbestro de Wien, antaŭe vickanceliero de Aŭstrio, *s-ro Richard Schmitz* invitas:





La Esperanto-movado aspiras la plifaciligon de la supernacia kunlaborado sur ekonomia kaj kultura kampoj, kiun celon ĝi deziras atingi sur la vojo de interkomprenigo de koro al koro. Volonte mi tial kiel urbestro de Urbo Wien salutas la okazigon de XXVIII-a Universala Kongreso de Esperanto en Wien kaj jam nun elkore bonvenigas la gastojn el tutmondo.

Schmitz

## Provizora Programo:

(Litero „T" signifas vojaĝon „Tra Aŭstrio", aparte pagota; la aliaj aranĝoj estas senpagaj por la kongresanoj)

**Sabate, 8. de aŭg.:**

17 h Prepara kunsido de la Komitato de UEA kun LKK
T 18 h 30 Vespermanĝo
20 h **Solena Malfermo** de la Kongreso en ĉiuj Festsalonegoj de Imperiestra Kastelo en ĉeesto de la Protektoro, de la membroj de Honora Komitato kaj de granda publiko de eminentuloj. Dissendado per Radio.
22 h 30 Interkonatiĝa Vespero en la samaj salonegoj.

**Dimanĉe, 9. de aŭg. 1936:**

8 h 30 Katolika Diservo kun Esperanot-prediko en fama preĝejo de Sa. Karlo
10 h Protestanta Diverso kun Esperanto-prediko
10 h Izraelida Diservo kun Esperanto-prediko
10 h Kunsido de Komitato de UEA
T 12 h Tagmanĝo
T 13 h 30 **Ekskurso D**: per aŭtobusoj al iama imperiestra plezurkastelo Schönbrunn, vizito de la salonegaro aŭ de la bestĝardeno, la plej malnova en Eŭropo, poste de la belega parko kun ruino, statuoj kaj elrigardejoj.
T 17 h 30 reveturo al la urbo
aŭ **Ekskurso E:**
T 13 h 30 per aŭtobusoj al Klosterneuburg, urbo proksima al Wien, vizito de la fama barokstila abatejo, poste de la bordbanejo ĉe Danubo, reveturo al la urbo.
T Vespermanĝo antaŭ la teatro.

Pro la granda nombro de la kongresanoj po kvarono partoprenos en D aŭ E, la **aliaj du kvaronoj en F:**

T 13 h 30 **Ekskurso F** per aŭtobusoj al sur Kahlenberg, monteto kun bela panoramo al Wien kaj la Danubo-valo; restado, trinkado de kafo; daŭrigo de la veturado al surmonta kastelo Kobenzl kun bela panoramo al la alia parto de urbo Wien kaj de tie al Grinzing, fame konata pro sia bona vino. Ĉi tie en grandaj ĝardenoj vi aŭskultos muzikon, popolkantojn, vespermanĝos kaj trinkos bonan guton da vino. Al alkohol-kontraŭuloj ni rekomendas partopreni dimanĉe en D kaj lunde en E anstataŭ F. Vino aparte pagota!
T Reveturo al la urbo je meznokto per aŭtobusoj.
20 h Prezentado en Volksoper de la opereto **„La blanka ĉevaleto"**, muziko de Ralph Benatzky, teksto de Hans Müller, kantoj Robert Tillberg, esperantigo de Nikolaus Hovorka. (Por ekskursoj D kaj E.)

**Lunde, 10. de aŭg. 1936:**

9 h **Malfermo de Somera Universitato** sub la titolo **„Kulturaj kaj ekonomiaj problemoj de Mez-Eŭropo"** en Hofburg. (Vidu apartan artikolon!)
T 12 h tagmanĝo
T 13 h 30 ekskursoj same D, E aŭ F kiel dimanĉe.; partoprenos ĉe D aŭE, kiuj dimanĉe estis ĉe F kaj en F, kiuj estis en D aŭ E.

**Marde, 11. de aŭg. 1936:**

9 h **Laborkunsido** en Festsalonego de Hofburg.
12 h Akcepto en la urbdomo flanke de la urbestro.
13 h Fotografado antaŭ la urbdomo.
T 13 h 30 Tagmanĝo.
15 h vizito aŭ al la ĉambraro imperiestra en Hofburg aŭ al la imperiestra trezorejo
16 h kunsido de Esperantista Akademio
16 h Komitato de UEA

16 h Fakaj kunsidoj, ĉiuj en aparta lernejo.
T 18 h 30 Vespermanĝo
T 20 h **Ekskurso G:** Veturado per aparta ŝipo sur Danubo dum 3 horoj kun muziko, kanto kaj danco aŭ
T 20 h **Ekskurso H:** Veturado en grupoj al fama Prater kaj amuzado tie (karuseloj, glitetoj ktp.)

**Merkrede, 12. de aŭg. 1936:**

9 h **Somera-Universitato en Hofburg**
10 h Fakaj kunsidoj en lernejo.
12 h 30 **Inaŭguro de Esperanto-Strato**
T 14 h Tagmanĝo
T 16 h **Ekskurso I.** Rondveturado tra la urbo per aŭtobusoj
16 h Komitato de UEA en lernejo
16 h Fakaj kunsidoj en lernejo
T 19 h Vespermanĝo
20 h **„Konferenco de la virinoj"** en Festsalonego de Hofburg (Vidu apartan artikolon!)

**Jaŭde, 13. de aŭg. 1936:**

**Tuttagaj ekskursoj (Turisma Servo)**

„K" per aŭtobuso al **Rax-alpo**, per kablo-fervojo al la supro, (2000 m alta), belega panoramo, reveturado per kablo-fervojo, daŭrigo de la aŭtobusa veturado al **Semmering** (1009 m; fama somer-restadejo, ludkazino, belega banejo, hotelaro, ekskursetoj), tagmanĝo en Südbahn-hotelo. Reveturado kaj vespermanĝo en Wiener-Neustadt, antikva urbo dumvoje, aŭ en la fama kuracloko Baden ĉe Wien. Alveno en Wien 22 h.

„L" Veturado per trajno de Wien al Puchberg ĉe la bazo de **Schneeberg** (2000 m). Ne pli ol 250 personoj povas partopreni. De Puchberg per dentrada fervojo ĝis Hochschneeberg. Diservo en Elisabeth-kapelo, tagmanĝo en la hotelo sur la supro. Belega panoramo, ekskursetoj al montkabanoj ktp. Reveturo per dentrada fervojo al Puchberg, kie estos vespermanĝo. (V) Reveturo per fervojo al Wien. Alveno 22 h.

„M" Per aŭtobusoj al urbo **Mödling**, oficiala akcepto, Beethoven-memoraĵoj; plue al **Heiligenkreuz,** ege interesa monaĥejo, 800-jara, vizito; daŭrigo al fama kuracloko **Baden**, oficiala akcepto, rigardo de Romana fonto, unike bela parko, sulfur-banejoj, tagmanĝo, koncerto, ekskurso al Helenental aŭ ludkazino (aparte pagota!) aŭ grandioza bordbanejo. V. Reveturo al Wien, alveno 22 h.

„N" Per fervojo al abatejo **Melk** ĉe Danubo, sur alta roko reganta la valon Wachau (Vaĥaŭ). Rigardo de la abatejo; T; reveturo per ŝipo sur Danubo tra Wachau, alveno en Wien 20 h. V. — Belega veturado preter ruinoj, kasteloj, urboj, ĉarmaj lokoj, certe same bela kiel Rejn-ekskurso.

„O" Veturado per aŭtobusoj al **Eisenstadt,** ĉef-urbo de la Aŭstria Ligolando Burgenland, kun la tombejo de fama komponisto Josef Haydn, plue al impona antikva kastelo **Forchtenstein.** T. Reveturo tra urbo **Wiener Neustadt,** vizito, V. Reveturo al Wien, alveno 22 h.

**Vendrede, 14. de aŭg. 1936:**

9 h **Somera Universitato** en Hofburg
T 13 h Tagmanĝo
T 15 h **Ekskurso I.** Rondveturado tra Wien per aŭtobusoj
15 h Fakaj kunsidoj en lernejo
15 h Vizito de la imperiestra ĉambraro aŭ trezorejo de Hofburg
T 18 h 30 Vespermanĝo
20 h 30 **Kostumbalo sub la devizo „La Kongreso dancas" en ĉiuj festsalonegoj de Imperiestra Kastelo.** En la marmorsalonego ludos militista orkestro de Deutschmeister en siaj antaŭmilitaj uniformoj al dancado de valsoj kaj kontraŭdancoj; en Granda Festsalonego dua orkestro modernan dancmuzikon kaj en aparta salonego „Viena popolkantista kvarteto" ludos kaj kantistoj kantos al la muziko gajajn Vienajn kantojn por la nedancemaj samideanoj kaj por la jam lacaj.

**Sabate, 15. de aŭg. 1936:** 9 h 30 **Solena Fermo de la Kongreso** en Hofburg
T 12 h Tagmanĝo kaj 13 h 30 Forveturo al Graz (Turisma Servo „Tra Aŭstrio").


Katedralo de Sa. Stefano


Preĝejo de Sa. Karlo (E.-diservo)

**Esp.-kursoj okazos en Aŭstrio 1935/36 en jenaj lokoj: Afritz, Baden, Bischofshofen, Bleiburg Bludenz, Blumau (2), Bregenz, Bruck, Dornbirn, Ebensee, Eisenkappel, Feldkirch, Felixdorf, Ferlach, Friesach, Gmunden, Gloggnitz, Graz (6), Hallein, Himmelberg, Innsbruck, Korneuburg, Klosterneuburg, Klagenfurt (3), Langen, Lend, Lienz, Linz (4), Leoben, Lustenau, Mödling, Neunkirchen, Oberwinklern, Pettenbach, Pörtschach, Pottendorf, Rosegg, Saalfelden, Salzburg (3), St. Veit a. d. Glan, Schruns, Schwertberg, Spittal, Straßwalchen, Tamsweg, Teesdorf, Velden, Viehhofen, Villach, Voitsberg, Völkermarkt, Vöslau, Werfen, Wr. Neustadt (3), Wolfsberg, Zell, Wien (30), do ĝis nun 101 kursoj.**

**Aliaj sin anoncu!**



Unu el la festsalonegoj en Hofburg, kie okazos niaj aranĝoj



Pompa salonego en Nacia Biblioteko



Plezurkastelo Schönbrunn kun Najade-puto

**Al la Esperanto-gazetistoj!**

Kolegoj! Ni petas uzi la materialon de tiu ĉi „Aŭstria numero“ pro informo de viaj legantoj, kiel eble plej baldaŭ kaj laŭeble detale pri la ĉefaj programpunktoj! Samideanan dankon: Gazetservo por XXVIII-a.

**Kongreskotizoj:**

I. Kongresa kotizo . . . . . . . . . . . aŭ. ŝ. 48.—
II. Kotizo por familiano de kongresano . . . „ „ 30.—
III. Kotizo por gejunuloj malpli ol 18 jaraj . . „ „ 20.—
IV. Kotizo por Helpkongresanoj (Grupoj, Societoj, Institucioj, Firmoj, kiuj deziras montri sian simpation al la kongreso, por helpi ties sukceson kaj por ricevi ĉiujn kongresdokumentojn, sed ne sendos reprezentanton) . . . . „ „ 20.—

**Favorkotizoj por frupagantoj:**

Frupagantoj de kategorioj I—III rajtas depreni procentajon kiel premion por frua pago, sed la mono devas esti en niaj manoj ĝis la fiksitaj datoj:

| | Rabato | Kotizo I nete | Kotizo II nete | Kotizo III nete |
|---|---|---|---|---|
| | | Aŭstriaj | ŝilingoj | |
| ĝis la 31. de januaro 1936: | 30% | 34.— | 21.— | 14.— |
| ĝis la 30. de aprilo 1936: | 20% | 39.— | 24.— | 16.— |
| ĝis la 30. de junio 1936: | 10% | 43.— | 27.— | 18.— |

Por informo: 1 svisa franko valoras nuntempe aŭstriajn ŝilingojn 1.70.

## Kion ricevos la kongresano por sia kotizo?

1. provizoran kongreskarton, poste definitivan
2. 25% rabaton sur la aŭstriaj fervojoj por la tuta vojo
3. grandan rabaton sur la ŝipoj de Donau-Dampfschiffahrt, pagante por tien-kaj reveturadoj nur unu vojon
4. belan kongresinsignon
5. la kongresan gazeton „Aŭstria Esperantisto“ kun ĉiuj informoj kaj frazaro „Esperanta-germana“ pri ĉiutagaj esprimoj, de **januaro ĝis aŭgusto 1936** (jam pro tio anoncu vin baldaŭ, ĉar povas okazi, ke la lastaj pro elĉerpiĝo de la provizo ne plu povos ricevi ĉiujn numerojn)
6. eniron al **„Solena Malfermo“**
7. eniron al **„Interkonatiĝa Vespero“**
8. eniron al **ĉiuj labor-kaj fakaj kunsidoj**
9. eniron al la prelegoj en **„Somera Universitato“**
10. eniron al la granda **„Intern. Konferenco de la Virinoj“**
11. eniron al la **„Akcepto ĉe la urbestro“**
12. eniron al solena **„Fermo de la Kongreso“**
13. eniron al la granda **Balfesto en Hofburg**
14. ĉeeston al la **„Inaŭguro de Esperanto-Strato“**
15. bileton por sidloko al la teatraĵo **„La Blanka Ĉevaleto“**; la **unuaj** membroj ricevos la **plej bonajn sidlokojn**, la pli malfrue sin anoncintoj la aliajn laŭ la kongresnumero
16. eniron al la **Ĉambraro en Hofburg**
17. eniron al la **Imperiestra Trezorejo,** laika kaj eklezia
18. belan **kongreslibron** kun la tuta programo kaj adresaro de la kongresanoj
19. la **oficialan kongreslibron,** eldonitan de UEA
20. gvidlibron **„Tra Aŭstrio, ambaŭflanke de la aŭtomobilstrato“** kun multaj bildoj, almenaŭ 80-paĝan.

**Familianoj ricevos** 1—4, 6—17.




Adreso: Esperanto-Centro Itala, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano.
Kongreskotizo: 100 Liroj.
Vojaĝo tra Italujo: Liroj 498.—.
Krozado al Afriko de Liroj 355.— ĝis 730.—. Kelkaj lokoj ankoraŭ liberaj, rapidu por ke vi ne preterlasu ĉi tiun unikan okazon vidi Afrikon!

Brila estos nia Mondfesto en Italujo! Rekompencu al la aranĝantojn iliajn grandajn klopodojn kaj — havigu al vi unikan ĝojon, tuj aliĝante por Roma! Antaŭkongresoj en Klagenfurt kaj Innsbruck! Anoncu vin al Intern. Esp.-Muzeo, Wien, I.

Traduko de la salutvortoj de Kanceliero de Aŭstrio.

## D-ro Kurt von Schuschnigg:

Bonvenon!

La Esperanto-Mondkongreso, kiu kunvenos en la tempo de 8.—15. de Aŭgusto 1936 en Wien, supozeble unuigos multnombrajn fremdlandajn gastojn en la Federacia Ĉefurbo de nia lando. La sukcesplenaj celadoj krei pere de Esperanto novajn rilatojn interŝtatajn, estas la rezulto de persista kaj celkonscia laboro. Ke la adeptoj de Esperanto elektis Wien kiel sidejon de siaj venontjaraj kunsidoj, en Aŭstrio estas salutata kun sincera kontentiĝo. Se krom tio niaj gastoj pli detale konatiĝos kun nia bela hejmlando kaj ties loĝantoj, tiam tiaj konatiĝoj servos al kreado de pli altaj spiritaj unuoj, kiuj hodiaŭ pli ol iam devas esti konsiderataj kiel helpo valora en la batalo pri la paco kaj rekonstruo.

25. de Junio 1935. Schuschnigg, m. p.

---

Traduko el la germana originalo:

N-ro 14.323-Pr./35. La Federacia Kanceliero.

Al s-ro Registara Konsilano Hugo Steiner
en Bisamberg.

Sinjoro la Federacia Prezidanto distingis vin laŭ decido de 6. de junio 1935 pro rekono de viaj meritoj dum via pensiita stato per la titolo de Kortega Konsilano.

Estas por mi plezuro, sciigi vin pri tio kun miaj plej bonaj gratuloj.

13. de junio 1935. Schuschnigg, m. p.

---

## Internacia Elektroteknika Komisiono
akceptis Esperanton.

Intern. Elektroteknika Komisiono (IEC) dum sia Konferenco (18.—29. junio 1935) en Haag kaj Bruxelles decidis akcepti Esperanton en sian oficialan fak-vortaron, aperontan jam en baldaŭa tempo. Je tiu ĉi vortaro oni verkis jam dum 25 jaroj; ĝi ampleksos proksimume 500 paĝojn. Aŭstrion reprezentis en la konferenco d-ro inĝ. Eugen Wüster.

---

**Radio Wien.** Niaj dissendoj ĉiun merkredon finiĝos en julio kaj nur en septembro denove komenciĝos. — Ni ankaŭ petis Radio-Wien pro okazigo de Esperanto-kurso en oktobro. — Raporto sekvos.

---

**Ministerio de Fervojoj en Praha** eldonis libreton kun la necesaj demandoj dum la veturado per trajno en 15 lingvoj, inter ili en Esp. Krome ĝi eldonis sub la nomo „Ĉeĥoslovakio" belegan faldprospekton kun koloraj bildoj. Vere imitinda agado!

---

**XXII-a Bulgara Esp.-Kongreso,** Varna, 21.—23. julio. Al ĝi invitas ankaŭ nova bele ilustrita, 8-paĝa gvidfolio. Skribu al G. Sapunĝiev, Gradskata Biblioteka, Varna, Bulgarujo. Koran gratulon. Steiner

---

**Brila sukceso de Cseh-kursoj!**

Cseh-instruisto s-ano F. W. Buenting el Ned. Hindujo faris kursojn kun 100 personoj en la bela ĉefurbo de Tirolo, Innsbruck kun bonega sukceso. Ni kore gratulas kaj dankas lin!

---

Abatejo **Heiligenkreuz,** kiu gastigos la kongresanojn en 1936, festas la 800-an datrevenon de sia fondiĝo per grandaj jubileaj festludoj de 17. aŭg. — 15. sept. 1935. Pro informoj skribu: Stift Heiligenkreuz, Aŭstrio.

---

**Al miaj amikoj en la tutmondo!**

Nur per tiu vojo mi kapablas danki al la multnombraj gratuloj, kiuj min atingis okaze de mia honorigo flanke de la Federacia Prezidanto de Aŭstrio.

Koran dankon! Steiner.

---

**Esperanto-lernlibro** de Hugo Steiner, prez. de Int. Esp.-Muzeo, Wien, (aŭ. ŝ. 2.10) mendebla de „Kleines Volksblatt", Wien, VII., Bandgasse.




Urbdomo de Wien



Festsalonego en Urbdomo



Parlamenta Palaco



Schönbrunn: Lulilo de Duko de Reichstadt (L'Aiglon)



Schönbrunn: Napoleon-a Salono



Schönbrunn: Festena tablaro de imper. Franz Josef en Granda Spegulgalerio

# Tra Aŭstrio.

Ĉu vi konas la landon, kiu invitas vin al la XXVIII-a Univ. Kongreso de Esperanto en 1936?

Multaj el vi certe jam estis iam en Aŭstrio kaj Vieno kaj pensas, ke ili jam konas la landon kaj ties ĉefurbon. Nur parteton vi vidis, nur ideon vi havas pri la belaĵoj de Aŭstrio kaj nur imagon vi povas havi pri ties gastama, malceremonia loĝantaro, ties kutimoj, kostumoj, kantoj!

Neniu alia lando en la mondo povas montri al vi tian variecon en la pejzaĝo sur tia malgranda teritorio!

Tial ni decidiĝis — en konsento kaj sub la aŭspicioj de UEA — prepari al niaj kongres-gastoj maloftan ĝuon — montri al ili dum nur 7 tagoj (antaŭ kaj post la kongreso) malmultekoste belegajn urbojn, ĉarmajn lokojn, neĝkovritajn altsuprojn de Alpoj (atingeblaj per kablo- kaj dentrad-fervojoj), pitoreskajn valojn (tramurmurataj de arĝentklaraj riveretoj), smeraldo-verdajn lagojn, romantikajn rokoscenaĵojn, densajn arbarojn, fruktoriĉajn kampojn kaj vinĝardenojn, bordbanejojn ĉe riveroj kaj lagoj, artecajn suralpajn aŭtomobilstratojn, la mito-riĉan Danubo-valon „Wachau" (elp. Vaĥaŭ) kun ties surmontaj burgoj, kasteloj kaj abatejoj, Grossglockner, nian plej altan monton (3800 m), kaj . . . . Wien, la sopiron de ĉiu art-kaj muzik-amanto . . . . ni ne volas ĉion malkaŝi . . . venu kaj vi dankos nin!

Jen la programo:

**5. de aŭg. 1936** Kolektiĝo de jenaj kongresanoj, kiuj deziras partopreni en la vojaĝo **„Tra Aŭstrio"**, en la fama naskiĝurbo de Mozart, la urbo de Festludoj, **en Salzburg**. Speciale tiu vojaĝo estas konvena por s-anoj el Italujo, Svislando, Liechtenstein, Francujo, Hispanujo, Portugalujo, Nederlando, Belgujo, Britujo, Irlando, Skotlando, Germanujo, Svedujo, Danujo kaj Norvegujo!

La vespero estas libera kaj vi povus ĝin plej bone uzi, por ĉeesti iun aranĝon de la festludoj („Faŭsto", „Ĉiu" de Hoffmanstal, sur la placo antaŭ la katedralo, operoprezentadoj de Mozart, Wagner k. a. kun unuarangaj solkantistoj kaj direktistoj). Detalan programon ni sendigos al la interesiĝantoj kaj ankaŭ havigos al ili laŭ mendo la koncernajn biletojn.

**6. de aŭg. 1936:**

9 h per komfortaj aŭtobusoj rigardo de la 5 km distanca somer-rezidejo de la regintaj episkopoj, Hellbrunn en frubarokstilo el 1613, ties ĉambraro, parko (la plej malnova baroka en germanaj landoj) kun statuoj kaj la mondfamaj akvo-artaĵoj. Poste vizito al la urbo Salzburg (40.000 loĝantoj), la „Norda Roma": memorlokoj je Mozart; katedralo „la plej pura italstila konstruaĵo monumenta en Eŭropo norde de la Alpoj"; iama rezidejo de la episkopoj; benediktana abatejo Sa. Petro el 596, la „lulilo" de Salzburg, kun ties katakomboj el la 3. jarcento, la rifuĝejo de la unuaj predikantoj por la kristana kredo; antikva Sa. Petro-tombejo k. a. Je 11 h ni aŭskultos la sonoril-ludon de la rezidej-turo kaj poste la orgenon de la fortikaĵo Hohensalzburg.

Postagmeze vizito al Hohensalzburg, 130 m super la urbo, la plej potenca fortikaĵo sur germana tero. — Vespere hejmeca kunestado kun naciaj kostumoj, dancoj kaj kantoj, de Lando kaj Urbo Salzburg aparte aranĝota por la kongresanoj, en ĉeesto de la landestro, urbestro k. a. eminentuloj.

**7. de aŭg. 1936.** Per apartaj komfortaj aŭtobusoj forveturo de Salzburg al sur Gaisberg (1288 m) kun belega panoramo al Salzburg kaj la lagoj de Salzkammergut, kiun ni poste traveturos. Ni preterpasos: Fuschl-lagon; St. Gilgen kaj Strobl, pitoreske situitajn ĉe Wolfgang-lago (kie ludas la kongresteatraĵo „La blanka ĉevaleto"), venas en la landon Oberösterreich (Supra Aŭstrio) al banloko Ischl, la iama somerrestadejo de imperiestro Franz Josef, sur duoninsulo; al Ebensee per kun salminejo; al Gmunden, fama banloko ĉe Traunlago, kie ni haltos kaj nin banos; daŭrigo trans urbo Wels al **Linz,** la ĉefurbo de la lando. Alveno 17 h.

**En Linz aparta teatroprezentado, aranĝota de Fremdultrafik-**

oficejo sub la protektado de landestro d-ro Gleissner, poste kunestado ĉe muziko. Alparoladoj de la landestro kaj urbestro.

Ni atingis la belan Danubon kaj nun aŭskultu, kion kantas aŭstria verkistino Edith Herald pri ĝi:

## Blua Danubo.

Dimanĉo estas, sunoplena,
Eksteren logas ĉiujn ĝi,
Kaj al Viena la arbaro
Migradas kvazaŭ procesi'.

Sur Kahlenberg' al filineto
Montrante diras la patrin':
„Rigardu do vi nun ĉirkaŭen,
La kara hejm' prezentas sin.

Preĝejo Sankta jen Stefano
En la belega urb' Vien',
Kaj tie la larĝega akvo
Danubo blua estas jen!"

La etulino sed tre miras:
„Ĉu blua estas la Danub'?
Ne diru tion, ho patrino,
Ĝi estas griza ja sen dub'!"

Ridetas la patrin' trankvile:
Aŭskultu do kun interes',
Mi diras, kial la Danubo
Ja estas blua nur sen ĉes'.

En tuta la Danuba valo
Ja blue floras romantik',
Lumigas ĝi la pasintaĵojn,
Ke reviviĝas la kronik'.

Fabeloj, mitoj palpebliĝas,
Pasintajn tagojn vidas vi.
Sur ĉiu part' de l' hejma tero
Prezentas sin la histori'.

Revenas Ŝtonepok', romanoj,
Krimhild' vojaĝas al Hunland',
Rabisto-kavaliroj regas,
Ĝis venkas ilin ĉef' de l' land'.

Terura mit' pri l' Rozĝardeno
Timigas ĉiun en Aŭstri',
Rikardo la Leonkorulo,
Blondelon ree aŭdas li.

Niksino Ran' trompante logas
Dum la ventega bru' kun mok':
Ĝi estas Lorelej Danuba,
Loĝanta sur Aggŝtejna rok'.

Parolas pri turkar' kaj francoj
Kaj pri milit', malsat', mizer',
Sed ankaŭ pri heroaj agoj
Ja ĉiu eĉ Danub-sabler'.

Du noblaj dinastioj regas,
Abunde dotis en Vien'
La Babenberg- kaj Habsburgidoj
Preĝejojn, monaĥejojn jen.

Belaĵojn faris bravaj majstroj
Sur tolo, el marmor' kaj or'.
Distingas nun mistika ĉarmo
Ĉi tiujn fruktojn de l' labor'.

El ĉio ĉi en la ĝardeno
De l' romantiko kreskas flor',
Videbla nur per la animo
Kaj nur trovebla per la kor'.

Sed kiu foje ĝin ektrovis
Por tiu ne plu velkas ĝi,
Kaj vidas per ekkona povo
Danubon do nur blua li.

Memoru tion poreterne,
Neniam ĝin forgesu vi,
Por ke vi havu ĝustan penson
Pri l' kara hejmoland' Aŭstri'!"

Tradukis Alois Norbert.

8. de aŭg. 1936. Matene daŭrigo de la aŭtobusveturado al fama abatejo **Melk**, sur alta roko gardanta malproksimen videble la eniron en „Wachau". Ni nun estas sur teritorio de lando Niederösterreich (Malsupra Aŭstria). Okazos vizito al la belega barokstila abatejo, ties unika preĝejo kaj la ĉambraro.

Alveno en Wien la **8. de aŭg. 1936** je la 17 h.

Nun komenciĝas la Kongresprogramo de la 8.—15. de aŭgusto en Wien.

Post fino de la kongreso la veturado **„Tra Aŭstrio"** estos daŭrigata.

Jen la daŭriga programo:

15. de **aŭg. 1936.** Post la tagmanĝo en Wien la aŭtobusa veturado venigos nin sur bonega strato preter la miljara urbo Mödling, kuraclokoj Baden kaj Vöslau, malnova urbo Wr. Neustadt al Semmering, 1000 m alte situita kuracloko, kun belega panoramo, ludkazino kaj banejo, restado 1 horon kaj pluveturado al Graz, la ĉarma ĉefurbo de „Verda Stirio" (Steiermark). Tra bela pejzaĝo, ambaŭflanke la montoj, laŭlonge de Mur-rivero kondukas nin la vojo, je kiu ni preterpasas la urbojn Mürzzuschlag kaj Bruck a. d. Mur.

Alveno en **Graz** je la 18 h.

**„Hejmeca vespero"**, aranĝota de la urbo, nin kunigos ĉe komuna vespermanĝo. Oficialaj alparoladoj flanke de la land- kaj urbestroj.

16. de **aŭg. 1936.** Vizito al belega ĝardenurbo Graz kun siaj malnova universitato, barokaj kaj renesancaj konstruaĵoj, kaj la karakteriza kastelmonto kun la ekkonilo de Graz, la horloĝturo. Sur Schlossberg kun bela rigardo al la ĉirkaŭaĵo ni tagmanĝos kaj poste daŭrigos nian veturadon de Graz sur la ĵus finita Pack-a alpostrato al Kärnten (Karintio). Post la loko



Schönbrunn: Gobeleno-salonego



Wien: Festsemajnoj Ventumil-danco



Wien: Belvedere, Somerkastelo de Princo Eugen de Savoyen




Prater: Amuza parto

**Esperanto-Klubo, Wien**

**kunvenos ĵaŭde, la 4. 7. en Prater, 3-a kafejo, kaj sabate, la 13. 7. antaŭ la 15 h en Schönbrunn en la halo por viziti la ekspozicion.**

**La kunvenoj poste ĉesos ĝis septembro. La membroj ricevos informon pri la aŭtuna programo.**


Abatejo Melk en Wachau

Köflach oni atingas la tie plej alte situitan lokon Pack (1115 m). Mirindaj perspektivoj prezentiĝas dum ĉi tiu veturado kaj en artecaj turnoj kaj sur interesaj konstruaĵoj kaj pontoj kondukas la strato, preter la mitoriĉa kastelo Waldenstein valen, preter la urbetoj Wolfsberg kaj Völkermarkt al Klagenfurt, la ĉefurbo de Kärnten, kie ni alvenos je la 17 h. — **Klagenfurt** (50.000 loĝantoj; 446 m super la maro) donas al la vizitanto pro sia senpera situo ĉe la fama Wörther-lago kiel ankaŭ enmeze de la pitoreska montegarĉeno de Karawanken ĉiujn avantaĝojn de la altmontaro. Estiĝinte en la 12-a jarcento, la urbo enhavas interesajn preĝejojn kaj palacojn el diversaj epokoj. — Al la kongresanoj la urbestro aranĝos apartan **Prezentadon en Jubilea Urboteatro** kaj okazos salutadoj flanke de la land- kaj urbestroj. La belan tagon finos komuna vespermanĝo.

17. **de aŭg. 1936.** Matene ni forlasos la ĉarman Klagenfurt kaj post kelkaj minutoj ni atingos la plej belan kaj grandan alpo-lagon de Karintio — Wörther-lagon kaj ni preterpasos la konatajn kuraclokojn Pörtschach kaj Velden, la pitoreskan Maria Wörth



kaj la banlokojn Krumpendorf kaj Reifnitz. Ni atingos la urbon Villach ĉe Drau-rivero kun bela gotika preĝejo kaj aliaj vidindaĵoj. En la Drau-valo ni daŭrigos la vojon al Spittal kun belega palaco de la princo Porcia en itala renesanca stilo. Tagmanĝo kaj vizitado. Preter-pasante la lokojn Mölbrücke, Greifenburg, Oberdrauburg ĉiam en la valo de Drau, ambaŭflanke altaj montoj, ni atingos Lienz, la unuan urbon en Tirol (676 m super la maro). Tie ni tranoktos. Sed la **unuaj** aliĝintoj havas la apartan feliĉon, ke ili povas daŭrigi la vojon samtage trans Iselsberg (monto), kiu donas belegan perspektivon. Tra la valo de Möll la vojo kondukas al la nekompareble bela miraklejo **Heiligenblut** (1370 m; tranoktebleco!), kie la novkonstruita **Grossglockner-altalpa strato** komenciĝas. Apenaŭ alia alpostrato prezentas tiom da grandiozaĵo kiel ĉi tiu alpostrato, kiu transversas la potencan rokaron de Hohe Tauern en longo de 41 km kaj peras novan rilaton inter la nordo kaj sudo. Daŭrigante la vojon, ni venos al **Glocknerhaus** (2143 m; plej alta tranoktebleco!). Ĉar nur parteto de la partoprenontoj povos tranokti en unu de la noktigejoj en Glocknerhaus aŭ Heiligenblut, ni rekomendas plej baldaŭan aliĝon, ĉar nur la unuaj 100—200 povos kalkuli kun tia tranokto. En via popra intereso havigu al vi ĉi tiun unikan okazon, rigardi la sunleviĝon en 2000 m alteco.


Ruino Aggstein en Wachau

18. **de aŭgusto 1936**: La aliaj partoprenantoj, kiuj vespere sin amuzis en Lienz, frumatene faros la jam priskribitan vojon al Grossglocknerhaus, de kie ni komune veturos al Franz-Josefs-Höhe (2362 m), de kie ni oni ĝuas la majestan Glockner-panoramon kun Grossglockner (3798 m), Johannesberg, Leiterköpfen kaj la plej granda glaciejo de orientaj Alpoj „Pasterze". De Franz Josefs-Höhe ni venos al Guttal-ponto kaj atingos sur la meza parto de la vojo, riĉa je belegaj altmontaj scenaĵoj, trans Hochtor, **Fuscher Törl**. Apud la norda parto de la 310 m longa Hochtor-tunelo la strato atingas la plej altan punkton je 2506 m. Preter vastaj alpoherbejoj la aŭtobuso nin venigos al **Ferleiten** (denove en la lando Salzburg) **Fusch** kaj al **Zell am See**, belega urbo ĉe la samnoma lago.


Ruino Dürnstein en Wachau, malliberejo de angla reĝo Rikardo Leonkoro

En **Zell am See** ni tagmanĝos kaj la samideanoj, kiuj deziras hejmemveturi, atingos posttagmeze rapidtrajnon al la okcidento. La aliaj daŭrigos la veturadon per aŭtobuso trans **Lofer-Berchtesgaden** en Bavarujo al **Salzburg**, kie ili alvenos vespere kaj povos de tie veturi norden.

---

Por ebligi ankaŭ al la samideanoj el Ĉeĥoslovakio, Polujo, Litovujo, Estonujo, Finnlando, Hungarujo, Rumanujo, Bulgarujo, Jugoslavio, malmultekostan travojaĝon de nia lando kaj ĝuon de la grandaj belaĵoj enAŭstrio, ni aranĝos por ili la saman veturadon jene: ili partoprenos la vojaĝon komencante la 15. de aŭgusto en Wien, kunveturos kun la aliaj ĝis Salzburg kaj veturos de Salzburg solaj al Wien, kie ili alvenos la 21. de aŭgusto.

Kompreneble ankaŭ la aŭstrianoj estas invitataj, pli intime konatiĝi kun sia hejmlando partoprenante en **„Tra Aŭstrio"**.


Urbo Krems en Wachau, antaŭe du belaj inoj en naciaj kostumoj

Unika estos rondvojaĝo tra Aŭstrio! Sed ne ĉiu povos partopreni en ĝi, ĉar por la tuta nombro de kongrespartoprenontoj — kaj ni kalkulas je vere granda nombro! — en Aŭstrio ne estos sufiĉaj komfortaj aŭtobusoj je dispono pro la ĉefa vojaĝsezono. Necesas, ke ni mendu la veturilojn pli frue, jam en marto almenaŭ la plej grandan parton! Do estas rekomendinde, se vi kiel eble **plej baldaŭ** aliĝu al Turisma Servo, pagante 15% kiel unuan pagon, **por certigi al vi lokon!** Krome la unuaj havos la eblecon — se ili deziras ĝin eluzi — tranokti en 1000—2300 m alteco aŭ en **Heiligenblut** aŭ **Grossglocknerhaus**, unike belega spektaklo — la leviĝanta suno! Vi povos ankaŭ fari preskaŭ la tutan vojaĝon anŝtataŭ per aŭtobuso per trajno, — la prezo estas iom pli alta. Anoncu vin baldaŭ!

# Prezoj de la ekskursoj.

Ĉe mendo de la ekskursoj oni devas samtempe pagi **almenaŭ** 15% de la prezo, la **reston** ĝis plej malfrue **10. de junio 1936**. Ĉe malmendo ĝis **1. de julio 1936** vi repricevos la monon **malpli 15%** por diversaj elspezoj; sed, se malmendinto donas anstataŭanton, ni nur deprenos 5%.

Ne estas necese, ke vi mendu **tuj** kun la kongreskarto ankaŭ la diversajn ekskursojn; sed estas **rekomendinde** ne prokrasti tro longe ĉi tiun mendon, ĉar la ĉambroj en Salzburg (Festludoj) kaj en aliaj lokoj dum la plej granda vojaĝsezono nur malfacile estas riceveblaj kaj nur certa nombro povos partopreni en la diversaj aranĝoj. Tial ne hezitu tro longe, neniam plu vi havos okazon, fari tian ĝuoplenan vojaĝon tiel malmultekoste!

**Mallongigoj:** N = tranoktiĝo, M = matenmanĝo laŭ Viena maniero (kafo aŭ teo kun butero aŭ konfitaĵo, ovo, pano), T = tagmanĝo (supo, viando kun du legomaĵoj, kukaĵo, pano), L = lunĉo (bulko kun butero kaj ŝinko aŭ fromaĝo laŭ elekto), K = antaŭvespera bonega kafo kun bulko, V = vespermanĝo (diversmaniera, sed almenaŭ 1 viandaĵo kun legomo kaj deserto, pano). La viandon oni povas elekti. Trinkmono enhavata en la prezo. Vi nur pagos por apartaj servoj en la noktigejoj kaj por apartaj mendoj en la manĝejoj kiel trinkaĵoj ktp. — Ĉiuj manĝoj estas komunaj. Por vegetaranoj: Laŭ mendo (jam ĉe sinanonco) ili ricevos apartan abundan senviandan menuon. — Por alkohol-kontraŭuloj: Vi povos partopreni en ĉiuj aranĝoj, sen trinki alkoholaĵojn, oni donos al vi ankaŭ mineralan aŭ ordinaran klaran akvon, kiu speciale en Wien estas bonega kaj freŝa!

**Ekskurso A**: 5.—8. kaj daŭrigo 15.—18. aŭg. **Salzburg** (2 N, 2 M, K, T, V), rondveturado per aŭtobusoj, rigardo de la ĉambraro kaj la mondfamaj akvo-artaĵoj en kastelo **Hellbrunn** kaj de urbo Salzburg, de fortikaĵo **Hohensalzburg**, aparta „hejmeca vespero“ en Stiglbräu; veturado per aŭtobusoj trans **Gaisberg-Salzkammergut** (L) **-Gmunden** (T) **-Linz** (V, N, M) kun aparta **Prezentado en Landa Teatro** - abatejo **Melk** (L) kun vizitado de la ĉambraro kaj fama preĝejo — **St. Pölten** (T) **-Wien** (komenco de la kongreso). — **Post la Kongreso**, la 15. de aŭg. posttagmeze la Ekskurso A estos **daŭrigata** per aŭtobuso al **Semmering -Graz** (V, N, M, T) kun aparta aranĝo de **„Hejmeca Vespero en Stirio“**, rigardo de la urbo. Daŭrigado al **Pack-Klagenfurt** (V, N, M, L) kun aparta **Prezentado en Jubilea Urboteatro-Wörthersee-Villach-Spittal** (T) **-Lienz** (V, N, M, L) eventuale al **Heiligen-blut** aŭ **Glocknerhaus** (tiam V, N, M, L) **Franz Josefshöhe-Fuscher Törl-Zell am See** (T). Ĉi tie fino por la okcident-uloj aŭ daŭrigo al **Salzburg** trans **Lofer-Berchtesgaden**.



Semmering (1000 m)



Rax-alpo (2000 m) kun kablo fervojo

Daŭro kaj prezo: 5.—8. kaj 15.—18. de aŭg. (aŭ por la **nur de Wien** partoprenantoj de 15.—21. de aŭg. 1936) veturado, vojimposto sur Gaisberg kaj Grossglockner, abundaj manĝoj, bonaj noktigejoj, vizitadoj ktp., trinkmono ĉie enkalkulata, nur aŭstr. ŝ. **195.**—, en civile bona hotelo **185.**— kaj en tre bona **210.**—.

**Ekskurso B**: 7-taga restado en **Wien** kun **ĉiuj** ekskurso kaj aranĝoj, ne enhavataj en la Kongreskotizo. 8. posttagmez — 15. de aŭg. 1936: **7 N kun M, 6 T, 6 V, ekskurso D (aŭ E** laŭ deziro), **F, G** aŭ **H** kaj **I** aŭstr. ŝ. **105**,—, en civile bona hot. **99.**—, en tre bona **130.**— kaj por 300 malbonvalutuloj en komunaj ĉambroj kun simpla matenmanĝo (bona kafo kaj bulko) nur 66.—. La manĝoj por ĉiuj kategorioj estas la **samaj. Vegetaranoj** ricevos senviandan bonegan menuon.



Abatejo Klosterneuburg, imperiestra ĉambro

En unuarangaj hoteloj iomete pli.

**Ekskurso D: Schönbrunn** aŭ. ŝ. **2.70**.

**Ekskurso E: Klosterneuburg** aŭ. ŝ. **4.50**.

**Ekskurso F: Kahlenberg-Grinzing** aŭ. ŝ. 9.—.

**Ekskurso G: Sur Danubo** aŭ. ŝ. 2.—.

**Ekskurso H: Prater** kun amuzoj aŭ. ŝ. **1.70**.

**Ekskurso I**: Rondveturado tra Wien per aŭtobuso aŭ. ŝ. **3.50**.

**Ekskurso K**: Al **Rax** kaj **Semmering** (L, T, V.) per aŭtobuso, dufoja veturado per **kablofervojo** aŭ. ŝ. 29.—.

**Ekskurso L**: Per trajno kaj **dentrada fervojo** al **Schneeberg** (L, T, V) aŭ. ŝ. 19.—.

**Ekskurso M**: Per aŭtobuso **Mödling-Heiligenkreuz-Baden** (L, T, V) aŭ. ŝ. 13.—.

**Ekskurso N**: Per **trajno** al **Melk** **surŝipe** tra Wachau al **Wien** (L, T, V) aŭ. ŝ. **11**.—.

**Ekskurso O**: Per aŭtobuso al **Eisenstadt-Forchtenstein-Wr. Neustadt** (L, T, V) aŭ. ŝ. **15**.—.



Grinzing ĉe „Lastjara vino“. Niaj ekskurslokoj en Malsupra Aŭstrio



Graz, ĉefurbo de Stirio



Stirio: Surmonta Pack-strato (1000 m)



Klagenfurt, ĉefurbo de Karintio

# Konferenco de l' Virinoj.

Kvankam speciale la virinoj rapide lernas Esperanton kaj ĝin ofte vere majstras, tamen ankoraŭ ne ekzistas sufiĉe granda kaj forta »Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj«!

Oni ofte mokas pri tio, ankaŭ en E.-rondoj, ke — se 3 samideanoj havas iun similan ideon — ili tuj fondas fak-grupon, eĉ Internacian Unuiĝon. Kompreneble tiaj „Unuiĝoj" ne havas ekzist-eblecon kaj sekve ankaŭ ne ekzistrajton.

Sed alie estas la afero kun „Unuiĝo de esperantistaj virinoj", kiu ĝis nun malgraŭ certe sufiĉaj klopodoj ne fariĝis granda forta — kia ĝi devus esti, se ĝi volas plenumi la servon al Esperanto, kiun ĝi mem deziras fari!

Duspeca estu la celo de tiu ĉi Internacia Unuiĝo

1. **per**-esperanta 2. **por**-esperanta

1. Pere de Esperanto la virinoj priparolu siajn gravajn demandojn pri edukado de infanoj, instruado en la lernejo, edukado de la knabino al edzino, patrino kaj mastrino, rolo de la virino en la interfratiĝo de la popoloj ktp. kaj per tio montru al la ne-esperantistaj virinaj asocioj — ĉu naciaj, ĉu internaciaj, — ke sole Esperanto povos helpi en tiuj gravaj laboroj, ke sole Esperanto ebligas la senperan interkompreniĝon kaj tial la interŝanĝon de komunaj ideoj kaj interesoj inter la popoloj de l' mondo, ke per lernado de Esperanto ĉiu virino havigos al si la plej simplan kaj facilan interkompreniĝ-eblecon, la eblecon interŝanĝi siajn ideojn kun kiu ajn virino en iu ajn loko de l' mondo — kaj, ke sen Esperanto tiuj Asocioj kaj Ligoj neniam povos atingi ankaŭ nur parteton de siaj celoj pro la grandegaj malfacilaĵoj de la diverseco de la lingvoj!

2. La „Ligo Esperantista" klopodu pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn en tutmondo kiel „deviga fako". Ili mem, la esperantistaj virinoj, scias kaj konas la grandan valoron de Esperanto por siaj infanoj kaj entute por la junuloj! Ili bone komprenas, kian grandan faciligon donos al aliaj infanoj la instruado de Esperanto jam en la 4. kaj 5. klasoj de la elementaj lernejoj antaŭ ĉiu alia lingvo! La kontraŭdirojn de la filologoj kaj de instruistoj, kaj de lernejaj administraroj, ke Esp. ne estas nature estiĝinta lingvo, ke Esp. malhelpas la lernadon de aliaj lingvoj, ke — kaj tio estas ĉiam la fino de la saĝeco — ne estas eble enŝovi ankoraŭ Esperanton en la horaron de la lernejoj, vi bone povas neniigi, vi virinoj, vi patrinoj, per argumentoj kaj faktoj — sed nur, se vi estos forta Ligo!

Kial vi ne ankoraŭ estas forta Ligo? Ĉu vi estas tro modestaj, ne sufiĉe kapablaj, ne sufiĉe kuraĝaj . . plenumi vian plej altan celon sur la kampo de Esperanto?

Tute ne, vi nur ne estas sufiĉe fortaj en via organizo, kaj kial? Ĉar mankis al vi sufiĉa apogo, ankaŭ la mono!

Sed ĉi tiu Ligo nepre devas fariĝi forta organizo, kaj devas fariĝi la plej granda kaj plej forta „Internacia Ligo de virinoj", se vi tion deziras kun la forta volo, kiun la virino ĉiam montras en la familio kaj en la publika vivo!

La plej bonan kaj eble por longa tempo solan eblecon donos al vi la XXVIII-a en Wien 1936!

Anstataŭ simple aranĝi fakkunsidon de Esperantistaj virinoj, ni aranĝu grandan, solenan konferencon de la virinoj en la festsalonegoj de Hofburg, kiujn la kongreskomitato disponigos al vi por unu vespero. Do ne fakkunsido en lernoĉambro de iu lernejo, sed granda manifestacio en la plej nobla kadro!

Mia ideo, kiun »Unuiĝo de Esperantistaj virinoj« pripensu, estas: Aranĝo de granda konferenco de virinoj en la kadro de nia XXVIII-a. UEV prilaboru la programon, sendu ĝin al nia komitato pro nia konsento. Poste UEV invitu tuj post la XXVII-a, kie mi priparolos la tutan aferon detale kun la estraro de UEV, la virinajn asociojn — naciajn kaj internaciajn — kun helpo de siaj naciaj sekretarioj kaj preparu tiamaniere la konferencon en Wien. Pri la detaloj ni ankoraŭ intertraktos.

Sed al vi, Esperantistaj Virinoj estas, klopodi, ke ĉi tiu manifestacio donu la fortan impulson, ke fine Esperanto venu en la lernejon, ke la Virinaj Organizoj Internaciaj kaj Naciaj ekkonu, ke Esperanto estas ankaŭ necesa por la plibonigo de la rilatoj en la mondo, almenaŭ en Eŭropo, kaj por la certigo de la interpaciĝo de la popoloj!

Esperantistaj virinoj, faru vian devon, venu amase al via konferenco kaj venigu multajn ne-esp.-istajn batalantinojn por via ideo! Wien atendas vin!

*Steiner.*

# Novaj sukcesoj de nia afero en Aŭstrio.


Karintio: Naciaj kostumoj

En la lasta tempo tuta serio da novaj, valoraj sukcesoj de Esperanto povis esti atingita en nia lando dank' al la klopodoj de Aŭstria Esperanto-Asocio. Ili estas des pli gravaj, ĉar ili »via facti« (per faktoj) enkondukas Esperanton en diversajn sferojn de la praktika vivo, precipe en komercon kaj trafikon, ebenigante tiamaniere la vojon por ĝia ĉiam pli profunda radikiĝo kaj tute memkomprenebla, ĉiam pli grandskala aplikado. Ni citu koncize ilin unu post la alia, por doni klaran bildon pri la rapida progresado de nia afero en la nomitaj agadkampoj.

## Esperanto en la komerco kaj trafiko.

1. La ministerio de Instruado ĵus eldonis dekreton, traktantan pri Instruado de fremdaj lingvoj en »Kaufmännische Wirtschaftsschulen« (normalaj komercaj lernejoj). La dekreto permesas la enkondukon de du »mondlingvoj« kaj de Esperanto. En Wien Esperanto estas instruata jam nun en du tiaj lernejoj; laŭ ricevitaj informoj sekve de l' dekreto n-ro 35.528-II/7 de 11-a de decembro 1934 la enkonduko de Esperanto en plurajn aliajn estas preparata por la venonta lerneja jaro.

2. La profesora kolegio de »Hochschule für Welthandel« (Altlernejo por Mondkomerco), la plej supera komerca instruejo de Aŭstrio kun grado de universitato, en sia lasta kunsido decidis oficiale la kreon de lektorejo por Esperanto. La kreo de Esperantolektorejo ĉe tiu altlernejo estas des pli grava, ĉar la instituto ĝuas meritītan reputacion en la tuta eksterlando kaj estas frekventata de multaj eksterlandanoj, precipe el la najbaraj ŝtatoj.

3. La Viena Foiro, kiu de proksimume dek jaroj ne plu uzis Esperanton, ĉar ĝi ne estis sufiĉe apogata en sia propagando de la tiutempa landa Esperanta organizo kaj sekve ne tute kontenta pro la atingitaj rezultoj, nun decidiĝis ree, iam por la Aŭtuna Foiro, eldoni la necesajn varbilojn kaj prospektojn ankaŭ en Esperanto kaj krom tio disponigis al Aŭstria Esp.-Asocio por la sekvonta Foiro tute senpage standon por Esperantopropagando. Ni uzos tiun ĉi eblecon de amasa propagando, por vaste varbi por niaj aŭtunaj tre ampleksaj kurspreparoj, almenaŭ kursoj en 100 lokoj de Aŭstrio, necesa antaŭkondiĉo por bona inaŭguro de la laboroj por la 28-a Mondkongreso de Esperanto en Wien.


Spittal, Karintio: Palaco Porcia

4. La Viena Komerca Ĉambro uzis ĝis nun en sia oficiala publikigajo: »Liste der Warenneuheiten« (Listo de varnovaĵoj), nur la lingvojn germanan, francan, anglan kaj italan. Nun depost junio tiu ĉi listo enhavos ankaŭ paralelan tekston en Esperanto. La listo citas ĉiujn novajn produktojn de Aŭstrio kaj estas dissendata periode al ĉiuj komercaj ĉambroj de l' mondo, al diversaj institutoj kaj interesiĝantoj.

5. La ĝenerala poŝtdirekcio de Aŭstrio decidis oficiale por la sekvonta jaro en la fervoja granda libro de veturplanoj (horaro), eldonata de ĝi, la enkondukajn difinojn, klarigojn de signoj ktp., donitajn ĝis nun germane, france kaj angle, kompletigi per paralela ĉapitro en Esperanto; same enkonduki Esperanton por klarigoj en sia »Postkraftwagenbuch« (libro de veturplanoj por poŝtaŭtobusoj).

## Novaj gvidlibretoj kaj gvidfolioj.

Por inviti al la venontjara Esperanto-Kongreso en Wien aperis en tiu ĉi monato sekvantaj gvidiloj:

1. Ministerio por komerco kaj trafiko eldonis 24-paĝan, riĉe ilustritan gvidilon pri Aŭstrio (10.000 ekzempleroj);
2. Fremdultrafika Oficejo de l' urbo Wien 16-paĝan gvidilon pri Vieno, elegante ekipitan;
3. Fremdultrafika Oficejo de Supra Aŭstrio eldonis sub la titolo »Kostumoj en Brucknerlando«, ekstreme ĉarman kaj kolor-abundan, ilustritan gvidilon pri popolaj kostumoj, portataj en Supra Aŭstrio, la naskiĝregi ono de l' fama aŭstria komponisto Bruckner. Dua aparta eldono de tiu unika gvidilo kun invito al la kongreso 1936 estos disdonata inter la kongresanoj en Roma.
4. La urbo Graz eldonos ĉi-somere Esp.-gvidfolion pri siaj vidindaĵoj.


Grossglockner-strato ĝis 2500 m

Jen mallonga resumo nur de la lastaj sukcesoj. Ilia serio tute ne estas kompleta: kontraŭe, ĝi estas energie kontinuata, kaj ni esperas jam baldaŭ raporti pri novaj, ankoraŭ pli signifaj atingaĵoj de nia movado. Nur dank' al la senlaca, persista laboro de l' prezidanto de Aŭstrio Esp.-Asocio s-ano Hugo Steiner ĉe ĉiuj kompetentaj registaraj kaj fremdultrafikaj instancoj ili estas akiritaj. Ni ĝoju, ĉar tiamaniere okul-videble Esp. enpenetras pli kaj pli en la ĉiutagan vivon, kaj la grundo por vere impona oknzigo de l' venontjara kongreso estas ĝustatempe preparata! *D-ro E. Pfeffer.*

# Esperantaj poŝtkartoj en Aŭstrio!

## Aŭstria poŝto eldonas 50 diversajn bild-poŝtkartojn kun Esperanta teksto.

La Aŭstria Esperanto-movado estas feliĉa, noti nun novan, gravegan sukceson en sia batalo por enkonduko de Esperanto kiel urĝe necesa helprimedo de l' internacia trafiko: laŭ jus ricevita ofica informo de l' Aŭstria ĝenerala direkcio de poŝtoj kaj telegrafoj en Wien, la nova, nun preparata serio de oficialaj poŝtkartoj por korespondo kun la eksterlando (kun enpresitaj poŝtmarkoj de 35 groŝoj) surhavos maldekstre sur la adresflanko 50 diversajn bildojn de tipaj Aŭstriaj pejzaĝoj kaj vidindaĵoj kun klarigo en la lingvoj germana, franca angla kaj **en Esperanto**. Aperos specialaj poŝtkartoj kun bildoj el Wien, Burgenland, Malsupra Aŭstrio, Supra Aŭstrio, Stirio, Salzburg, Karintio, Tirolo kaj Vorarlberg, do el ĉiuj federaciaj landoj de Aŭstrio. La eldono de la nomitaj poŝtkartoj okazos en septembro de tiu ĉi jaro.

Jam antaŭe surhavis serio de Aŭstriaj poŝtkartoj karakterizajn bildojn, sed ilia subteksto ne bone taŭgis por esperantigo, ĉar ĝi diris sole la **nomon** de l' koncerna strato, placo aŭ loko. Estis unue grave, konvinki la ĝeneralan poŝtdirektion pri la neceso provizi la novan poŝtkart-se ion krome per **konciza frazo**, klariganta la prezentatan bildon el historia aŭ fremdultrafika vidpunkto.

Tiu opinio pri la aranĝo de la nova eldono trovis ankaŭ la aprobon de la ĝenerala direktoro de poŝtoj kaj telegrafoj en Aŭstrio, sinjoro sekcia ĉefo *Julius Ritter von Stejskal.*

La preparaj paŝoj por la eldono de Esperanto-poŝtkartoj datiĝas de septembro de l' pasinta jaro, kiam kortega konsilano *Hugo Steiner*, okaze de aŭdienco ĉe la ministro de komerco kaj trafiko sinjoro *Fritz Stockinger*, sukcesis interesigi kaj gajni tiun eminentan amikon de Esperanto por tiu ideo. Kiel plej supera ĉefo de l' poŝta administrado, sinjoro ministro instigis la ĝeneralan direktoron de poŝtoj okupiĝi pri la demando kaj intertrakti pri ĝia efektivigo kun sam. *Steiner*. Sekve de tio kortega konsilano *Hugo Steiner* kune kun sekcia ĉefo *d-ro Franz Uebelhör* plurfoje intervenis pli ĉi tiu afero ĉe ĝenerala direktoro *Ritter von Stejskal.*

Nun do ankaŭ Aŭstrio eniris en la vicon de la ŝtatoj, uzantaj oficiale Esperanton en la poŝta trafiko kaj **ĝi faris tion en amplekso pli vasta ol ĝiaj antaŭirintoj**; ni esperu, ke tiu ĉi modela ekzemplo de Aŭstrio jam baldaŭ instigos aliajn ŝtatojn al imito!

D-ro Emil Pfeffer.

---

LKK klopodos atingi **fervojrabaton** ankaŭ en aliaj landoj kaj **senpagan** aŭ almenaŭ **multe malaltigitan elirvizon** el kelkaj landoj kiel Polujo ktp. Donu ĉikoncerne viajn konsilojn kaj deziresprimojn!

---

*„Aŭstria Antologio“* en preparo; por kongresanoj speciala prezo! Detaloj sekvos!

**Kion vi nepre skribu sur la aliĝilon!**

1. ĉu vi partoprenos la veturadon „Tra Aŭstrio“, (aliĝo povas okazi pli poste) aŭ

2. en kiu stacio vi alvenos, ĉar en Wien estas 6 stacio kaj ni deziras aranĝi la aferon tiamaniere, ke vi ricevu viajn dokumentojn kaj kuponarojn jam aŭ en Salzburg aŭ en la alven-stacio en Wien. La s-anoj povas tial tuj veturi al sia loĝejo kaj ne unue al la kongresejo. Tio ŝparos al vi tempon kaj estos al vi certe agrabla.

3. cu vi partoprenos en la „Konferenco de la Virinoj“ kaj en kiu faka kunsido?

**Mendu kune kun via membrokarto:**

**Kongresa Sigelmarko**, 100 en 5 diversaj koloraj por 2 resp. kupon., mendu pogrande!

**2 Kongresaj Afiŝoj** aŭ **1 ekz.** de tiu ĉi **Varbnumero** kun 3 div. belegaj gvidlibretoj kune **nur** 1 resp. kup. ĝis elĉerpiĝo!

**Kongres-bildkartoj** kun E.-teksto: serio **Wien**, 10 pecoj aŭst. S. 1.30; serio **Tra Aŭstrio**, montranta 20 div. belaĵon de la aŭtobusa veturado, urboj, lagoj, montoj ktp. aŭst. S. 2.60.

Mendu baldaŭ la menciitajn aĵojn, por certigi ilin al vi!

Nia kongresgazeto „**Aŭstria Esperantisto**“ de januaro informos vin pri ĉio. „**Esperanto**“ kaj „**Heroldo**“ raportas konstante pri la 28-a! La Komitato donos kontraŭ respondkupono tuj ĉiujn informojn!

### Grava afero!

„**I. G. Farb-industrio**“, unu el la plej famaj ĥemiaj entreprenoj kun 90.000 okupitoj kaj granda reto da fabrikoj, montris intereson al Esperanto. La varoj disvendiĝas en la tuta mondo sub la konata signo „Bayer kruco‘, inter ili Aspirin, Pyramidon, „Agfa“-fotaĵoj, artefarita silko, lumantaj farboj k. a.

Postulu tuj per poŝtkarto Esperanto-prospekton pri la valoraj ĥemiaĵoj de s-ano **Werner Rentmeister, Wien**, III. Kölblgasse 10, Aŭstrio. La Viena reprezentanto de I. G. Farb-industrio kolektos ilin. De viaj multnombraj petoj pri katalogo dependos, ke tiu ĉi grava trusto, kies centrejo estas en Leverkusen, Germanujo, presigos katalogojn en Esperanto.

Multaj aliaj gravaj entreprenoj sekvos la ekzemplon. Kunhelpu atingi ĉi tiun celon, kiu sekvigos la pli grandan uzadon de Esp. en la komerco!

---

*Ferio-vojaĝo al Varno kaj Konstantinoplo.*

**Nia societo aranĝas ankaŭ** ĉi-jare, same kiel en la pasinta jaro, por ĉiuj alireblajn ferio-vojaĝojn al Varna, la plej bela banloko ĉe Nigra Maro, kun ebla ekskurso al Istanbul (Konstantinoplo). La vojaĝo okazos sur Danubo per luksaj ekspresŝipoj, la loĝado estos en belaj du-litaj ĉambroj en vilaoj proksime de la plaĝo, abunda manĝado 3-foje dumtage en unuaranga apudmara restoracio. Forveturo el Wien: ekde 7. julio **ĉiusemajne dimanĉe**. Vojaĝprezo Wien-Varna-Wien kaj restado en Varna (ĉio kune 2 semajnojn) aŭ ŝil. 131.—, ĉiu plua semajno en Varna (loĝado kaj manĝado) 30 aŭ ŝil. Alpago por 4-tago ekskurso al Konstantinoplo 30 aŭ ŝil. Germana prospekto senpage. Detalojn kontraŭ respondkupono de *„Wiener Akad. Esperantisten-Verein, Wien, I. Universität.*

---

**Grava sukceso ĉe nederlanda radio.** Dimance, la 23. de junio okaze de l' dua tago de radio-misio, estis sendita de la radiostacio Amsterdam duhora festkoncerto. Ĉuj programpunktoj estis anoncitaj nederlande, france, angle, germane, itale hispane kaj **Esperante**; la kanto „Vaterland .... (Patroland' ....) nederlande, france, angle, germane kaj **Esperante.**

Ni sincere gratulas al la direkcio de la radiostacio Amsterdam pro ĝia kompreno de la valoro kaj signifo de Esperanto kaj forte esperas, ke ĝia ekzemplo trovos ĉiam pli oftan imiton.

**Prepara Komitato de 28. Univ. Kongreso de Esperanto; Intern. Esperanto-Muzeo; Aŭstria Esperanto-Asocio, Aŭstria Esperantisto en Wien.**

---

**Per biciklo por Esperanto.**

Du junaj fervoraj esperantistoj, Liem de Waal el Hollando kaj M. R. Frey, studento de juro, el Vieno, renkontinte ĉe la 27-a en Roma, daŭrigos sian por-Esp. bicikladon tra Tunizio-Alĝerio-Marokio-Hispanujo-Francujo-Supra Italujo kaj revenonte komence de oktobro al Aŭstrio, estas pretaj. paroladi per bildoj pri sia vojaĝo en la E.-grupoj kaj rondoj Aŭstriaj La returnvojo tra Aŭstrio dependos de ĝis plej malfrue la 20-an de julio alvenintaj invitoj flanke de la grupestroj. Skribu tuj al M. R. Frey, Wien, 8. Alserstr. 83 a.

---

**„Viena Internacia Aŭtunfoiro“** okazos de 1.—8. septembro. Postulu la belajn Esperanto-prospektojn ĉe „**Messe**“, Wien, VII., Messepalast.

La **eldonnombro** de tiu ĉi numero estas **6500** ekzempleroj. Ili estas sendataj senkoste al ĉiuj Esperantistaj societoj, organizoj kaj jurnaloj en la tuta mondo.

Eigentümer, Herausgeber und verantwortlicher Redakteur: Hofrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154.
Druck: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.

# Die zweite Sprache für Alle

Deutscher Teil der Zeitschrift „Oesterreichischer Esperantist"

Nr. 6/7 Juni—Juli 1935

Für Oesterreich jährlich mit Postzusendung S 1.—, Ausland S 1.60
Mit „Oesterr. Esperantist" 8 Seiten Quartformat S 4.60, Ausl. S 5.60
Schriftleiter: Regierungsrat Hugo Steiner und Rudolf Ulbrich
Wien I. Neue Burg Konto bei der Postsparkasse D-123.826

## Aus aller Welt.

**Große Esperanto-Bewegung in Dänemark.** Über Einladung der Dänischen Esperanto-Organisationen hielt der Inder Lakahmiawar Sinha 48 Vorträge in Esperanto über die reizende Insel Ceylon, über die fabelhaften Dschungeln und über das berühmte Institut von Tagore. Mehr als 10.000 Personen der verschiedensten Berufe und gesellschaftlichen Stellung waren anwesend und hörten mit großem Interesse die dänische Übersetzung dieser Vorträge an. Viele wurden von der Nützlichkeit und Notwendigkeit des Esperanto überzeugt, schon aus dem praktischen Beispiele heraus, daß man sich mit dem Inder nur in Esperanto verständigen konnte, und besuchten Esperanto-Kurse. — Regierungsrat Steiner selbst hielt vor drei Jahren solche Esperanto-Werbevorträge für Österreich in Polen, Danzig, Litauen, Lettland, Estland, Finnland, Schweden, Norwegen und Dänemark und hatte in ebenfalls 48 Vorträgen mehr als 10.000 Zuhörer. Alle Vorträge wurden in die betreffende Landessprache von einem ortsansässigen Esperantisten übersetzt.

**Pfadfinderzeitungen und Esperanto.** Die jugoslawische Pfadfinderzeitung »Skautski Glasnik« und die spanische »Kim« in Zaragoza bringen regelmäßig eine Esperanto-Rubrik.

**Esperanto auf der Lochalmhütte** (1693 m). Die Frau des Pächters spricht Esperanto. Also nicht einmal in den Bergen ist man vor Esperanto sicher!

**Propaganda für Esperanto bei den tschechoslowakischen Staatsbahnen.** Das Propagandablatt der Staatsbahndirektion in Königgrätz brachte in seiner Nummer 4 einen ganzseitigen Artikel in Esperanto und hatte auf dem Umschlage der Zeitung den grünen Stern angebracht.

**Noordwijk in Niederland**, das bekannte Seebad, hat in seinen 40-seitigen Führer nun nebst der holländischen Sprache auch einen Esperanto-Text.

**Internationale Ferien-Esperanto-Kurse** in Silkeborg, Dänemark, finden auch in diesem Jahre wieder statt u. zw. für Lehrer (Anfänger) 21.—30. VII., für Fortgeschrittene 1.—10. VIII. und Vorbereitungskurs für Cseh-Lehrer in derselben Zeit. Prospekte bei L. Friis, Sekr. des Dänischen Esperanto-Institutes in Aabyhoi, Dänemark, Thyrasvej 15.

Die **Niederländische Eisenbahndirektion** hat gestattet, daß in den Stationsgebäuden ein Schild mit grünem Stern (Esperanto-Abzeichen) und der Anschrift des Esperanto-Delegierten des betreffenden Ortes angebracht werde, damit die ankommenden Fremden sich sofort informieren können.

**Dr. Locard**, Direktor des polizeitechnischen Laboratoriums in Lyon, ein bekannter Wissenschaftler, hat die Mitredaktion eines Französisch-Esperanto-Fachwörterbuches für die Polizei übernommen.

Die **Internationale Ausstellung in Brüssel 1935** hat soeben einen Prospekt in Esperanto herausgegeben. Erhältlich gegen Auslagenvergütung (10 g in Marken) beim Int. Esperanto-Museum, Wien I. Neue Burg.

Eine **Esperanto-Woche im Radio-Llubljana (Laibach).** Eine neue Art, großzügig Fremdenverkehrswerbung zu treiben vermittels Esperanto, wird in der Zeit vom 2. Juni bis 8. Juni von Radio-Laibach stattfinden. Es werden stets in der Zeit von 22h bis 22h 10 in Esperanto sprechen:

Am 2. Juni: Vizebürgermeister Prof. Eugen Jarc über »Laibach — das Herz Sloveniens«

3. Juni: Jože Kozlevčar »Wir laden Sie nach Bled ein«

4. Juni: Dozent der Universität Laibach Dr. Reya »Kennen Sie die Julischen Alpen«

5. Juni: Milči Jereb »Schauen Sie sich Rogaska Slatinan an«

6. Juni: Orel Iwan »Unsere Alpenkurorte«

7. Juni: Janez Korečan »Bohinj — wie es wirklich ist«

8. Juni: Franc Poženel »Erholung auf Pohorje«.

**Oest. Radio-Esp.-Auslandsdienst.**

5. Juni: Reg.-Rat F. Stengel »Die Wiener Festwochen«

12. Juni: Richard Kreutel »Jugendsport in Österreich«

19. Juni: Reg.-Rat Hugo Steiner »Marco d'Aviano-Feier«

26. Juni: Gustav Weber »Schöne Täler in Vorarlberg«

3. Juli: Ernst Werner »Die Wiener Messe«.

**Esperanto lernen,**
**Esperanto lesen**
durch **Tagblatt-Bibliothek.**
Verlangen Sie kostenlose Zusendung des vollständigen Verzeichnisses vom
**Steyrermühl-Verlag, Wien I.**
**Wollzeile 22**

Das **Esperanto-Treffen in Gmunden** wurde auf den **7. Juli verschoben.** Programm: Vorm. Treffen beim Kurkonzert, nachm. Fahrt mit Schiff nach Ebensee, mit der Seilschiebebahn auf den Feuerkogel (halbe Preise auf Schiff und Seilbahn). Anmeldungen an R. Ulbrich, Postamtsleiter, Pettenbach, O.-Ö.

Die Bezieher der »Zweiten Sprache für Alle« erhalten im Juli anstatt der »Zweiten Sprache« die prächtige Werbenummer in Esperanto. Die nächste deutsche Nummer 8/9 erscheint erst im September.

## Esperanto und Schule.

### Einige allgemeine Erörterungen.

Aus »Der Deutsche Esperantist«-Berlin.

(Fortsetzung)

Bezirksoberschulrat i. R. Dr. F. Kraner,
Mitglied im Kleinen Rat
des Deutschen Esperanto-Bundes

Aber auch in vertrauten alltäglichen Gesprächen von Person zu Person verkehren sie so unbehindert miteinander, als wären sie alle nur Angehörige eines einzigen Volkes: Sehr im Gegensatze zu dem dürftigen und schwerfälligen Übersetzungsbetrieb, der den anderen Weltkongressen und zwischenvölkischen Versammlungen (z. B. denen des Völkerbundes) seinen unerfreulichen Stempel aufdrückt.

Die Bezeichnung Kunstsprache trifft auf Esperanto nur dann wirklich zu, wenn damit gesagt sein soll, daß es ein in einem höheren Sinne Gekonntes darstellt, das Ergebnis eines hohen Könnens, dessen Wesenszüge es als Ganzes wie im einzelnen an sich trägt. Daß dies bei Esperanto tatsächlich der Fall ist, hat noch **niemand**, der sich ernstlich darein vertieft hat, zu bestreiten vermocht. Es stammt zwar von einem Juden, L. L. Zamenhof aus Bialystock in Polen (geb. 1859, gest. 1917). Aber dieser Jude war ebenso reinen Herzens und Willens wie genialen Geistes. Er wandte seine ganze Kraft und alles, was er besaß, bis zur völligen Selbstaufopferung an den ho-

hen sittlichen Gedanken, durch das Werk seiner Hilfssprache eine der wichtigsten Voraussetzungen für eine Verständigung und Versöhnung der Völker zu schaffen. Er verfolgte damit also ein Ziel, das auch der nationalsozialistische Staat immer wieder als seinem Wesen entsprechend herausstellt. — Und sein Werk trägt durchaus den Stempel des Genies.

Es ist nicht mühselig ausgeklügelt, sondern in seinen tragenden Gedanken aus der Ganzheit eines überragenden Geistes unmittelbar als Ganzes vorausgeschaut. Daher die erstaunliche Kühnheit des Entwurfes und die bewundernswerte Entschlossenheit des inneren Gefüges! Eine Sprache mußte es sein, die leichter erlernbar ist als jede andere Fremdsprache. Sie mußte im ganzen neutral sein und doch den äußeren und inneren Zusammenhang wahren mit dem geschichtlich gewordenen, frei gewachsenen wichtigsten Sprachen des europäischen Kulturkreises. Sie mußte eine Verschmelzung dieser Sprachen sein, wie sie im Englischen vorhanden ist und in dem mit Fremdwörtern überladenen Deutsch der damaligen Zeit vorlag. Sie mußte eine Weiterentwicklung, Vereinheitlichung und Vereinfachung jener Sprachen darstellen, vollzogen nach den beiden Gesichtspunkten des Notwendigen und des Genügenden. Es durfte in ihr keinerlei grammatische Ausnahmen geben. Alles das stand für den Schöpfer des Esperanto von Anfang an fest, und es kam nur noch darauf an, ob seine sprachliche Einsicht, sein sprachliches Können, sein Fleiß und seine Kraft geduldigen Zuwartens ausreichten, um den kühnen Entwurf zu verwirklichen.

Zamenhof hat auch in diesen entscheidenden Punkten nicht versagt. Daß sein Werk, wie er es im Jahre 1887 nach mehr als einem Jahrzehnt der zähesten Kleinarbeit und gewissenhaftesten Selbstkritik der Öffentlichkeit übergab, tatsächlich den höchsten an eine Welthilfssprache zu stellenden Anforderungen entspricht, hat ihm unter anderen kein Geringerer bezeugt als Max Müller, seinerzeit der unbestrittene Führer auf dem Gebiete der indogermanischen Sprachforschung. In diesem Sprachganzen ist kein Wort, das in bezug auf seine lautliche und inhaltliche Eignung nicht aufs genaueste erwogen worden wäre. Da ist keine Ableitungsform, die ihre Aufgabe nicht voll erfüllte. Da ist kein grammatischer Bezug, der nicht voll diente. Und alles ist doch wie aus einem Gusse, trägt allen sprachlichen Möglichkeiten Rechnung und ist so geistvoll und schön, daß die Beschäftigung mit Esperanto für jeden, der für solche Werte einiges Gefühl besitzt, zu einer immer neu aufsprudelnden Quelle eines reinen Kunstgenusses wird.

Nur in einem Punkte hat Zamenhof nicht recht gesehen: In seiner Begeisterung für sein hohes Ziel hat er die Widerstände unterschätzt, die in der Beharrung der ruhenden Masse liegen. Denn als Sprache muß auch Esperanto, so leicht es ist, doch gelernt werden, und dazu gehören immerhin mehr Fleiß und Ausdauer, als sie Hunderttausende und Millionen aus eigener Entschließung an eine gute Sache, die nicht unmittelbar klingenden Lohn verspricht, zu wenden bereit sind. Die Esperantisten zweifeln gleichwohl nicht an dem schließlichen Siege ihrer Sache. Sie wissen, daß jene Widerstände doch überwunden werden können: sei es allmählich durch umsichtige und zähe Werbearbeit, die sich durch keinen Mißerfolg entmutigen läßt, oder sei es durch das Eingreifen der regierenden Gewalt und dann fast wie mit einem Schlage. Wenn sich heute zwei oder drei der führenden Männer in den europäischen Hauptstaaten, ergriffen von der Größe des im Esperanto liegenden Gedankens, mit den Mitteln ihrer Macht für Es-

peranto einsetzen, insbesondere durch seinen Gebrauch als einzige Fremdsprache im zwischenstaatlichen Verkehr und durch seine Einführung in den Schulen ihrer Länder, so würde der Sieg des Esperanto in der ganzen Welt bereits in wenigen Jahren vollkommen sein, ganz gewiß nicht zum Schaden irgendeines Volkes. Daß es einmal dazu kommen muß, dafür bürgt uns Esperantisten unter anderem ein prophetisches Wort Friedrich Nietzsches, das dieser gewaltige Geist um das Jahr 1875 geschrieben hat, also bereits um ein Jahrzehnt vor dem Erscheinen des Esperanto. In seinem Werke »Menschliches — Allzumenschliches« sagt er im 4. Hauptstück (Abschnitt 267) wörtlich das Folgende: »In irgend einer Zukunft wird es eine neue Sprache, zuerst als Handelssprache, dann als Sprache des geistigen Verkehrs überhaupt für alle geben, so gewiß es einmal Luftschiffahrt gibt. Wozu auch hätte die Sprachwissenschaft ein Jahrhundert lang die Gesetze der Sprache studiert und das Notwendige, Wertvolle, Gelungene an jeder Sprache abgeschätzt!«

(Fortsetzung folgt).

**Esperanto-geedziĝfesto.**

La 23. de junio 1934 okazis en Sa. Prokops-preĝejo la unua Esperanto geedziĝfesto en Praha en ĉeesto de helpepiskopo d-ro Anton Eltschkner.

Longe antaŭ la fiksita horo la preĝejo jam estis plena. Precize je la kvina posttagmeze la episkopo, kiu mem estas esperantisto kaj prezidanto de Ligo de katolikaj esperantistoj en Ĉeĥoslovakio, veturile alvenis antaŭ la preĝejo, akompanate de la sekretario de la Ligo. De pastro Prochazka akceptata kaj kondukata en la preĝejon lia ekscelenco faris de sur la ŝtupoj al la altaro alparolon en Esperanto al la geĥanĉoj, akceptatan kun granda entuziasmo.

La episkopo mem antaŭdiris la formulon por edziĝo al la geĥanĉoj kaj transdonis al ili la ringojn. Kvankam Esperanto-geedziĝoj jam pli ofte okazis, oni tamen devas konstati, ke nur la duan fojon okazis, ke tia altranga eklezia funkciulo mem geedzigis en Esperanto, montrante per tio sian estimon al Esperanto.

La unuan fojon la episkopo de Danzig-Oliva lia ekscelenco grafo O'Rourke geedzigis en Esperanto Danzig-aninon kai japanon.

Sed certe lia ekscelenco d-ro Eltschkner estis la unua episkopo, kiu metis en sian episkopan blazonon la Esperanto-insignon, la verdan stelon.

**Eine Esperanto-Hochzeit.**

Am 23. Juni 1934 fand in der St. Prokopskirche in Prag die erste Esperanto-Trauung in Prag in Anwesenheit des Weihbischofs Dr. Anton Eltschkner statt.

Lange vor der festgesetzten Stunde war die Kirche dicht gefüllt. Genau um 5 Uhr nachmittags fuhr der Bischof, der selbst Esperantist und Präsident des Bundes der katholischen Esperantisten in der Tschechoslowakei ist, vor der Kirche vor, begleitet vom Sekretär des Bundes. Von Pfarrer Prochazka erwartet und in die Kirche geleitet, hielt seine Exzellenz von den Stufen zum Altar an das Brautpaar eine Ansprache in Esperanto, die mit Begeisterung aufgenommen wurde.

Der Bischof selbst sprach dem Brautpaare die Traufomel vor und überreichte ihnen die Ringe. Obgleich Esperanto-Trauungen schon öfters vorkamen, muß man dennoch feststellen, daß es erst zum zweitenmale vorkam, daß ein so hoher geistlicher Würdenträger selbst eine Esperanto-Trauung vornahm, damit seine Wertschätzung für Esperanto zeigend.

Zum erstenmale traute der Bischof von Danzig-Oliva Exzellenz Graf O'Rourke in Esperanto eine Danzigerin und einen Japaner.

Sicher aber war Exzellenz Dr. Eltschkner der erste Bischof, der in sein bischöfliches Wappen das Esperanto-Abzeichen, den grünen Stern, aufnahm.

»Wenn mancher Mann wüßte,
Wer mancher Mann wär',
Gäb' mancher Mann manchem Mann
Manchmal mehr Ehr'!«

»Se ia scius kelkaj homoj,
Kiuj estas kelkaj homoj,
Kelkafoje kelkaj homoj
Plihonorus kelkajn homojn!«

Trad. de Johann Schröder (1912)

Eigentumer, Herausgeber und verantwortlicher Redakteur: Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Druck: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.